## Ĉu vi ŝatas forlasi la ĉiutagan kadron?

## Ĉu vi ŝatas fari ion eksterordinaran?



Se jes, via loko estas en la Faka Komisono de IFEF!

**Vi konsilos**

- en la kunlaboro por la nova eldono de PIV
- en via profesia fako por la RailLex-Terminaro de UIC...

Jen Esperanto samrajtas kun 11 naciaj lingvoj!
Tiu fervoja terminaro fariĝis intertempe eminenta internacia enciklopedio.
La Faka Komisiono estas teamo de fervojaj fakuloj el preskaŭ ĉiuj nacioj, kiuj membriĝas en IFEF. Pro la komuna agado kaj kunvenoj ni fariĝis amika rondo.

**Per via kunagado via vivo spertos neatendite interesan flankon!**

Skribu al la sekretario por terminaraj aferoj en la Faka Komisiono:
D-ro Heinz Hoffmann, Finstere Gasse 2, DE-01445 RADEBEUL.

# Moneroj al Junulara Fonduso



Ankaŭ ĉijare kelkaj bonvolemuloj malplenigis siajn poŝojn kaj trovis diversajn monerojn, kiujn ili afable donis al la IFEF-kaso por la Junulara Fonduso. Kompreneble kelkaj estas pli facile utiligeblaj ol aliaj, sed mi klopodos de tempo al tempo trovi eblecon aŭ uzi en la koncerna lando aŭ trovi personojn, kiuj povas ŝanĝi. Mi ricevis entute proksimume 540 DKK laŭ la hodiaŭaj kurzoj, kaj ili devenas de:

DEM 0,05; USD 0,37; FRF 2,00; BEF 51,00; NLG 58,60; CZK 0,35; ATS 27,90; HUF 291,10; FIM 17,10; SEK 61,00; ESP 1055,00; ITL 610,00; DKK 134,00.

Do mi konsideras tion relativa sukceso, kaj mi ĉiam estas preta akcepti donace kian ajn valuton, ĉu malgrandaj aŭ pli grandaj sumoj.
Koran dankon al la ĉijaraj kontribuantoj.

La kasisto

**Frontpaĝo**: La nova nederlanda THALYS-trajno, kiun vidis partoprenantoj en la 48a IFK dum eksterprograma ekskurso. (Foto: Karen Olsen)

# Enhavo

# Pri la 48a IFK – impresoj kaj faktoj

Ĉijare la kongresejo estis tre facile atingebla por la kongresanoj (entute 295 el 21 landoj), kiuj plejparte alvenis per trajno al la Centra Stacidomo de Den Haag (NL) sabate la 10an de majo. La stacidomo estas tre moderna konstruaĵo, kaj en la halo situas *Zalencentrum*, kiu estis nia kongresejo dum unu semajno. Glate funkciis la disdono de la kongresaj paperoj, kvankam estis nur du deĵorantoj en la akceptejo. Ni devis atendi nur kelkajn minutojn.

Dum la interkona vespero ni kiel kutime kun ĝojo salutis malnovajn amikojn, kaj ankaŭ kelkajn novajn vizaĝojn ni vidis.

"... Esperanto, kiel majesta trafikilo el la pasinta jarcento veturis en la modernan tempon..."

**Solena inaŭguro**

Post ekumena aranĝo gvidata de s-ino Koopmans kaj s-ro Boschin en la kongresejo dimanĉmatene okazis la solena inaŭguro. La salono estis plena jam longe antaŭ la komenciĝo, kaj kun iomete da malfruiĝo LKK-prezidanto Jan Bultmann bonvenigis la honorajn gastojn kaj la ĉeestantajn kongresanojn. Sekvis salutoj de honoraj gastoj. Unue parolis reprezentanto de la direkcio de Nederlanda Fervojo en Hago, s-ro Hans de MOOY, kiu inter alie diris: "Hodiaŭ mi konscias, ke mi fakte estas en la mezo de duoble privilegiita kunularo. Grupo da homoj, kiuj ĉiuj lernis paroli la saman lingvon. Krome grupo da homoj kun komunaj interesoj kaj sentoj – fervojistaj esperantistoj, tute neŭtralaj, sed homoj, kiuj estas konsciaj pri la unueco kaj neceso de rekta homo-al-homo-komunikiĝo." S-ro de Mooy, same kiel ĉiuj aliaj dum la inaŭguro, parolis en Esperanto.

En la nomo de BSSO (la nederlanda FISAIC-sekcio) salutis s-ro K. NELISSEN, kiu ankaŭ dum la 32a IFK en America (NL) esperantlingve alparolis la kongreson.

Sekvis parolado de la prezidanto de Esperanto Nederland, s-ino A.J. BAKKER-ten HAGEN. Ŝi rakontis, ke ŝi la antaŭan tagon kunvenis kun la estraro de Esperanto Nederland en kunvenejo tuj apud la stacidomo de Utrecht, kaj ŝi daŭrigis: "En niaj diskutadoj konstante miksis sin la sonoj de pasantaj vagonaroj, knarado de radoj, sonoj de bremsado kaj ekveturado. Tion oni jam ne plu aŭdas pro kutimiĝo dum horoj. Subite: granda, laŭta fajfo. Dua fajfo. Ni ĉiuj ĉirkaŭ la tablo ekaŭskultis, eksaltis kaj kuris al la fenestro. Kaj jen ... kia surprizo! Du vaporlokomotivoj majeste pasis, tirante malantaŭ si longan vicon de luksaj pasaĝeraj vagonoj. Pasis dormvagonoj. Pasis restoraciaj vagonoj kun tablolampoj malantaŭ la fenestroj. Vere: pasis la Orient-Ekspreso, kvazaŭ glora historia tempo eniris la modernan stacidomon de Utrecht. Pli bona bildo ne estus trovebla por inaŭguri vian kongreson. Esperanto, kiel majesta trafikilo el la pasinta jarcento veturis en la modernan tempon. ..."

Por UEA salutis ties ĝenerala direktoro Osmo BULLER, kiu emfazis, ke laŭ li IFEF estas la plej efika faka asocio de UEA. Li laŭde menciis ankaŭ la terminaran laboron de IFEF kaj nian organon *Internacia Fervojisto*.

En la nomo de TANEF, la organizo de naturamikaj esperantistoj, bonvenigis s-ino NOORDEWIER.

Dum paŭzo ludis muzikgrupo kun blovinstrumentoj gvidata de LKK-sekretariino Gerry Schavemacher, kaj post la kutimaj salutoj de la landaj asocioj akordionisto ludis melodiojn el diversaj landoj.

La IFEF-prezidanto Per ENGEN en sia malferma parolado i.a. emfazis la gravecon de niaj kongresoj. Per ili ni plivastigas la scion pri vivkondiĉoj, kutimoj kaj kulturo de niaj kolegoj kaj altigas la fakan scion.

Li kore dankis al niaj nederlandaj kolegoj, kiuj – kvankam malmultaj – kuraĝe prenis sur sin la taskon aranĝi la ĉijaran kongreson kaj menciis ankaŭ la gravan rolon, kiun ludis nia nederlanda asocio FERN en la historio de IFEF, kiu fondiĝis en Amsterdamo en 1948. Dum la unuaj 16 jaroj ĉiuj estraranoj estis nederlandanoj.

Pri la nuna membrosituacio Per Engen fine diris: "La ĝenerala tendenco bedaŭrinde estas, ke la membronombro malrapide malkreskas. La plej grava tasko por niaj landaj asocioj nun estas haltigi kaj se eble eĉ ŝanĝi tiun evoluon. Komuna problemo en ĉiuj landoj estas, ke konstante okazas ŝanĝoj en la organizado kaj funkciado de la fervojentreprenoj. Privatigo, ĉeso de aktivecoj kaj raciigo malaltigas la nombron de deĵorantoj. Tial estas ege malfacile por niaj landaj asocioj varbi novajn membrojn." ... "Nia federacio travivas malfacilan periodon, sed mi estas konvinkita, ke se ni bone eluzos niajn kapablojn kaj efike kunlaboras, ni povas solvi la problemojn kaj krei por nia federacio prosperan kaj sukcesan estontecon". Per tiuj vortoj la prezidanto malfermis la 48an IFK.

Fine ni starante kantis la himnon.

**Festa vespermanĝo kaj internacia balo**

Speciala trajno veturigis la manĝemulojn kaj dancemulojn al la stacio Meerzicht en Zoetermeer, kie okazis la festmanĝado kaj la balo. Bedaŭrinde la plimulto de la kongresanoj aŭ ne komprenis aŭ ne respektis la proponojn de la LKK-prezidanto pri la sistemo havigi al si manĝaĵojn, kaj tio kaŭzis iom da ĥaoso ĉe la tabloj kun la vere bonaj manĝaĵoj. Longaj vicoj staris ĉe la tabloj, kaj la lastaj ne sukcesis ricevi la plej allogajn manĝaĵojn.

**Plenkunsido, fakprelegoj (ĉefa kaj aliaj) kaj diversaj kunvenoj**

Raportojn pri ili bonvolu legi aliloke en ĉi tiu kaj venonta(j) numero(j) de IF.

Ĉi tie ni volas mencii nur, ke s-ro Wilhelm BARNICKEL (DE) estis nomumita honora membro de IFEF (legu pri tio sur paĝo 55), kaj ke la 49 IFK okazos en Košice (SK) kaj la 50a IFK en Aalborg (DK).



La komitatanoj serioze aŭskultas dum la plenkunsido (foto: Karen Olsen)

**Koncerto de harmoniorkestro**

Denove ni estis en la sama loko, kie okazis la festa manĝado por aŭskulti grandan fervojistan orkestron. Estis 70-80 personoj, kiuj fakte profesie ludis tre varian programon. Ĉar ili venis de la tuta lando, kelkaj post ĉirkaŭ unu horo devis hejmenvojaĝi, sed restis malpli granda grupo, kiu povis distri nin dum ankoraŭ ĉ. unu horo. Tre bela vespero.

**Folklora kaj distra vespero**

Tre lertaj dancistoj montris al ni diversajn folklorajn nederlandajn dancojn, sed bedaŭrinde ne estis scenejo en la salono, kio kaŭzis ke nur tiuj, kiuj sidis en la unuaj vicoj kapablis vidi la tutan grupon. Tamen estis tre bela travivaĵo.

Poste sekvis Esperanto-ĥoro kun tre vasta kaj granda programo. Ili bonege kaj tre bele kantis kvankam ili ne estas multaj, speciale ne viraj voĉoj.

**Ekskursoj**

Por duontaga ekskurso aŭtobusoj transportis nin al la grandega florekspozicio KEUKENHOF, kie ni ĝuis la belan vidon de miloj da tulipoj. Specialan atenton vekis la tulipo ESPERANTO de kiu specio multaj kongresanoj mendis bulbojn.

La duontaga ekskurso gvidis nin per aŭtobusoj al la urbo Hoorn. De tie ni veturis per malnovaj pasaĝervagonoj tirataj de vaporlo-

komotivo al Medemblik, kie atendis nin ŝipo per kiu ni veturis al la urbo Enkhuizen. En Enkhuizen troviĝas la subĉiela Zuiderzee-muzeo. Tre interesa travivaĵo.

Krom tiuj du programitaj ekskursoj okazis faka ekskurso ekster la programo al la staci-domo Den Haag HS. Multaj fakemuloj tie povis spekti la novan nederlandan THALYS-trajnon, kiu konstruiĝis laŭ la franca TGV-sistemo.

**Vizito en la UEA-oficejo**
Vendredon posttagmeze la kongresanoj havis okazon trajnvojaĝi al Roterdamo por viziti la UEA-oficejon. Plej grandan atenton vekis la librovendejo, kie troviĝis multaj tre interesaj libroj, kaj laŭŝajne UEA vendis multajn al interesitaj kongresanoj.

**Fermo de la kongreso**
Vespere okazis la kutima fermo de la kongreso kun ĉeesto de la ĝenerala prezidanto de FISAIC s-ro Gilbert Schmit. La IFEF-prezidanto en sia ferma parolado esprimis sian kontenton pri la aranĝo, kaj li multe laŭdis la malgrandan LKKn, kiu tre kontentige prizorgis ĉion.

Granda surprizo okazis, kiam s-ro Gilbert Schmit transdonis al la IFEF-kasisto Henning HAUGE la oran medalon de FISAIC pro lia laboro por IFEF kaj FISAIC.

Fine LKK-prezidanto por la 48a IFK transdonis la IFEF-flagon al la LKK-prezidanto por la 49a IFK, s-ino Magdaléna Feifičová.

La vetero ne favoris la kongreson (kongresano eĉ nomis ĝin 'la griza kongreso'), sed pri la vetero ne kulpas LKK, kiu tre bone – kvankam nur tre malmultaj – organizis la 48an IFK.

Dankon al LKK kaj ĝis revido en Košice.



Ĝenerala prezidanto de FISAIC s-ro Gilbert Schmit transdonas la oran medalon al Henning Hauge (foto: Karen Olsen)



LKK-prezidanto por la 49a IFK en Slovakio s-ino Magdaléna Feifičová ricevas la IFEF-flagon de LKK-prezidanto por la 48a Jan Bultman (foto: Joachim Giessner)

## Adresŝanĝo

S-ino **Elfriede KRUSE** informas, ke ŝi la 30an de aprilo 1996 translokiĝis al Nürnberg. La nova adreso estas:

Ebenreutherstr. 25, DE-90428 Nürnberg.
Tel.: +49 911 / 5 46 06 80 aŭ 54 16 64.

## Kontribuaĵo al fonduso

Antaŭ du jaroj stariĝis estrara fonduso laŭ iniciato de EE el B.
Ankaŭ ĉijare EE kontribuis al la fonduso per 500 NLG.

La estraro tutkore dankas.

# El niaj landaj asocioj

## Grava ŝanĝiĝo ĉe FFEA (Francio)

Dum nia lasta jarkunveno, kiu okazis la 13an de aprilo 1996 en Artigues près Bordeaux, nia prezidanto Pierre ROBIOLLE anoncis sian intencon ne plu kandidati por tiu posteno. Ne estis vera surprizo por la estraro de FFEA, ĉar Pierre antaŭinformis nin pri la fakto, ke li deziras pli da trankvileco, pli da ripozo. Tamen ĉiuj bedaŭras tiun decidon. Kutime ni turnis nin al li, kiam iu ajn problemo prezentiĝis, kaj ĉiam pro siaj sperto kaj ĝeneralaj konoj li konigis al ni la plej taŭgan respondon, la plej efikan manieron solvi la problemon. Sed ĉu oni ne povas kompreni lian sopiron? Memoru, ke ekde pli ol kvaronjarcento Pierre gvidis nian asocion, ĉu kiel prezidanto, ĉu kiel vicprezidanto.

Neniam Pierre ŝparis siajn fortojn, por ke nia asocio disvolviĝu. Ne forgesu, ke per sia influo li sukcesis triobligi la nombron de niaj membroj. En multaj esperantaj medioj Pierre konstante streĉis siajn fortojn. Li partoprenis multajn kunsidojn de IFEF, ekzemple Fakan kaj Terminaran Komisionojn.

Feliĉe Pierre ne ĉesigas ĉiujn agadojn ĉe FFEA. Li ankoraŭ konsentas helpi nin kaj responsi pri la instruado de Esperanto, kiun li bone majstras. Ankoraŭ longatempe ni povos profiti de lia kapablo. Por danki Pierre la ĉeestantaro de nia ĝenerala kunveno varme aplaŭdis lin kaj decidis honori lin kiel Honoran Membron de nia asocio. Kompreneble niaj aplaŭdoj direktiĝis ankaŭ al lia edzino Marcelle, kiu pacience atendis hejme sian vojaĝantan edzon. Ni deziras al ili ambaŭ agrablan kaj pli ripozan vivon.

Tamen la vivo de nia asocio plu daŭras, kaj nova teamo estis elektita. Jen la nova estraro:

| | |
|---|---|
| Prezidanto: | RIPOCHE Jean |
| Vicprezidantoj: | ROLLAND Jean kaj WALLERAND Georges |
| Sekretario: | HAPPI-FOSSO Denise helpata de LAFOSSE Michel |
| Kasisto: | LEGEARD Jean Paul |
| Asesoroj: | BOUVET Pierre<br>DELAQUAIZE Guy<br>KRUISSEL Patriek<br>PEYROUTY Hubert. |

Nome de la nova estraro mi varme gratulas Pierre pro lia senĉesa kaj efika laboro farita kiel gvidanto de nia asocio.

Jean RIPOCHE

★ ★ ★

## Raporto de GEFA (Germanio)

La antaŭvesperon de la laborfesta tago (la 1an de majo) la ĉefurbestrino sinjorino Bärbel DIECKMANN invitis aktivulojn de diversaj laborasocioj kaj en socialservoj laborantajn homojn al akcepto en la gobelinfesthalo de *Antikva urbdomo* en Bonn.

Ankaŭ la BSW-distriktkomisiito por Esperanto en la BSW-distrikto Kolonjo Erhard HERLITZE estis invitita. Li havis okazon paroli kun la ĉefurbestrino pri la nuna stato de la internacia lingvo Esperanto, speciale ĉe la internaciaj fervojistoj.

La urbo Bonn eldonis ĝis antaŭ kelkaj jaroj urboprospekton esperantlingve kaj forsendis ĝin en la tutan mondon, sed pro financaj malfacilaĵoj la prospekto ne plu estas eldonita. Tio estas bedaŭrinda, ĉar multaj aliaj urboj, ankaŭ najbarurboj, eldonas esperantlingvajn prospektojn. Herlitze proponis al la ĉefurbestrino senkostan tradukon de noveldono de la urboprospekto flanke de la Esperanto-junularstudenta grupo en Bonn.

# Nova Honora Membro de IFEF

Dum la plenkunsido de la 48a IFK en Hago IFEF nomumis novan honoran membron, nome s-ron **Wilhelm Barnickel**.

Barnickel naskiĝis en 1921, esperantistiĝis en 1950 kaj partoprenis jam en la 3a IFK en Parizo 1951. Liaj meritoj en la fervojista Esperanto-movado estas multaj. Ni menciu el ili:

Li jam frue faris ekzamenon kiel kursgvidanto, kaj la germana Esperanto-Instituto komisiis lin ekzamen-komisaro. 1957-67 li estis GEFA-estrarano pri varbado/informado kaj 1962-66 redaktoro de GEFA-Bulteno. Li skizis glumarkojn por GEFA kaj emblemojn por IFK Fulda, Regensburg kaj Münster, krome internacie uzeblan afiŝon sen nacia teksto. Li estis LKK-vicprezidanto en IFK Fulda, LKK-membro por informado en IFK Regensburg kaj Münster kaj kunlaboris en GEFA-skipo en UK Mainz (1959). Li zorgis, ke dum multaj jaroj aperis tutpaĝaj anoncoj de DB en la jarlibro de UEA. 1963-65 li estis membro de IFEF-statutkomisiono kaj 1969 gvidanto de statutkomisiono.

Barnickel kuniniciatis kaj grandparte tradukis ok DB-prospektojn kaj tradukis CIM kaj




Wilhelm Barnickel ricevas la honoran insignon de la IFEF-prezidanto Per Engen (Foto: Karen Olsen)

CIV, kiuj laboroj estis agnoskitaj eĉ de internaciaj fervojaj instancoj.

Wilhelm Barnickel estas modela esperantisto kaj modesta homo.

Ni tutkore gratulas la novan Honoran Membron.

# Pasaĝeroj ne plu enŝlositaj

En tempo de kunligita Eŭropo estis kvazaŭ malbona ŝerco, ke la 'Eŭrocity'-trajnoj inter Svisio kaj Germanio estis ŝlositaj sur aŭstra teritorio. Nur unu vagono restis malferma por la pasaĝeroj de kaj al Bregenz. Kiu tro malfrue rimarkis, ke li sidis en la malĝusta (ŝlosita) vagono povis vidi Aŭstrion nur tra la fenestro.

Tiu grotesko, kiu jam estis kritikita de multaj vojaĝantoj kaj ankaŭ de eŭropaj parlamentanoj, nun finfine estis forigita la 15an de aprilo 1996. La sekurecestraranoj de Bavario, Vorarlberg kaj Svisio interkonsentis nun pri la realigo de la ĉelima kontrolado. La lasta demando estis la forpuŝo de eksterlandanoj sen enirpermeso.

Antaŭ kvin monatoj la eŭropaj parlamentanoj Klaus Rehder (Bavario) kaj Herbert Bösch (Vorarlberg) kritikis tiun neelteneblan staton de la limtransiranta fervoja trafiko tra Vorarlberg. S-ro Rehder tiam opiniis: "En Eŭropo neniam plu rajtas ekzisti fermaj limoj, ŝlositaj fervojaj vagonoj, muroj aŭ bariloj". Je tiuj riproĉoj la doganaj kaj sekurecaj instancoj kaj la fervojaj societoj de la tri landoj finfine reagis. Por plifaciligi la liman kontroladon sur la mallonga parto en Aŭstrio (la veturo St. Margarethen (CH) - Bregenz (AT) - Lindau (DE) daŭras ja nur 24 minutojn) ankaŭ estonte la pasaĝeroj en- kaj eltrajniĝante en Bregenz estos gvidataj nur al unu difinita vagono.

Resumis Michael Martin

# 49a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)

**10a-17a de majo 1997 Košice, Slovakio**




| | |
|---|---|
| Adreso: | Inĝ. Magdaléna FEIFIČOVÁ<br>A. Bernoláka 25/5, SK-01001 Žilina |
| Bankkonto: | 40934040/7500, SWIFT: CEKOSKBX ZIL<br>ČSOB, Legionárska 1, SK-01001 Žilina<br>Inĝ. Magdaléna FEIFIČOVÁ,<br>A. Bernoláka 25/5, SK-01001 Žilina |
| Poŝtkonto: | 064274-0014240-005/6500<br>Poštová banka, P.O.Box B-113, SK-01203-Žilina<br>Inĝ. Magdaléna FEIFIČOVÁ,<br>A. Bernoláka 25/5, SK-01001 Žilina |
| Kongresejo: | Dom umenia (Domo de Arto) kaj hotelo SLOVAN |

La slovakia asocio de IFEF, Slovakia Asocio de Fervojistoj-Esperantistoj (SAFE) tutkore invitas vin partopreni la 49an kongreson de IFEF en orienta Slovakio en la urbo KOŠICE [Koŝice] de la 10a ĝis la 17a de majo 1997 kaj la tutsemajnan postkongresan restadon en TATRANSKÁ LOMNICA (Vysoké Tatry) de la 17a ĝis la 24a de majo 1997.

Ni jam havis la honoron organizi por nia esperantista fervojistaro la postkongresan restadon post la 43a IFEF-kongreso en Olomouc kaj la 33an Internacian Fervojistan Esperanto-Skisemajnon.

La nuna organiza skipo Magdaléna FEIFIČOVÁ (prezidantino), Lucia FEDOROVÁ (sekretariino) kaj Hana HLAVATÁ (kasistino) kaj aliaj ankaŭ surbaze de tiamaj organizaj spertoj pretas oferti al vi kongresan restadon en tre bela urbo kun belega teatro, kaj postkongresan restadon en freŝaera sino de naturo, en la plej malgranda grandmontaro de la mondo Vysoké Tatry.

Pli detalajn informojn vi povos legi en la aliĝilo, el kiu ĉiuj landaj asocioj ricevis stokon. Ĉi tie ni nun eltiras el ili la plej gravajn ciferojn:

| **Kongreskotizo ĝis 31.01.1997 en germanaj markoj** | **DEM** |
|---|---|
| IFEF-membroj | 100 |
| IFEF-membroj el ekssocialismaj landoj | 35 |
| Familianoj kaj gejunuloj ĝis 20 jaroj | 50 |
| Ne-IFEF-membroj | 120 |
| Subtenantoj: minimume | 40 |
| **Glumarkoj**: unu A4-gluaĵfolio kun 24 dukoloraj glumarkoj | 2 |

(sendokostoj: 0,5 DEM por unu A4-folio, 0,9 DEM por ĝis 4 folioj kaj 1,7 DEM por ĝis 9 folioj)

| | |
|---|---|
| **Tuttaga ekskurso** | 58 |
| **Duontaga ekskurso** | 37 |
| **Festa vespermanĝo antaŭ la balo** | 35 |

**Tutsemajna postkongresa restado en TATRANSKÁ LOMNICA (Vysoké Tatry)**
inkluzive nutradon kaj ĉiujn programerojn kaj enirpagojn:

| | |
|---|---|
| en unulita ĉambro | 690 |
| en dulita ĉambro | 620 |

**Kontraktigitaj prezoj por tranokto en hoteloj en Košice**

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| SLOVAN (unua kategorio): | unulita ĉambro | 84 | lito en dulita ĉambro | 69 |
| HUTNÍK (dua kategorio): | unulita ĉambro | 40 | lito en dulita ĉambro | 30 |
| STROJÁR (tria kategorio): | lito en dulita ĉambro | 15 | lito en trilita ĉambro | 14 |

Lige al la 49a IFK okazos du antaŭkongresoj, unu en Hungario kaj unu en Ĉeĥio. Pri ili bonvolu legi en venonta numero de Internacia Fervojisto.

# Faka Komisiono

**Raporto de la gvidanto**
(iom malplilongigita. Ni montras al la raportoj de la sekretarioj de la du sekcioj. Red).

La faka agado de nia Federacio daŭris ankaŭ dum la pasinta laborjaro. Ni havis multe da taskoj kaj sur kelkaj terenoj ni sukcese antaŭeniris.

Terminara Sekcio havis abundajn taskojn. La reprezentantoj de nia Federacio partoprenis la terminarajn plenkunsidojn de Rail-Lex komitato.

La 26-27an de oktobro s-roj Gulyás kaj Giessner reprezentis nian federacion en Frankfurt (DE), kie je la nomo de IFEF s-ro Gulyás alparolis. Li informis la partoprenantojn pri nia nocioelekta kontribuaĵo, kiun li transdonis al la gvidanto de la Rail-Lex-komitato s-ro Schmidt. Ĉi tiu materialo estis nia unua propono pri novaj fakesprimoj por la estontaj eldonoj de CD-ROM. Ĝoje ni konstatis, ke inter la reprezentanoj de membrofervojoj troviĝis esperantistoj, el Slovakio kolegino Feifičová kaj el Rumanio s-ro Tudorache. Ni esperas, ke ili krom siaj naciaj interesoj reprezentos kaj subtenos ankaŭ la interesojn de IFEF.

La 24-25an de aprilo ĉijare s-ro Giessner reprezentante nian federacion partoprenis la plenkunsidon de Rail-Lex.

Ĝoje mi povas citi por vi el raporto de la hungaraj reprezentantoj, ke ĝis la aprila plenkunsido nur kvar membroorganizaĵoj plenumis sian tradukan laboron. Unu el ili estis IFEF.

Por informi vin, pri kiel granda laboro temas, mi mencias, ke fine de novembro ni ricevis la anglan, francan kaj germanan versiojn de la nova kvanto de sekvonta eldono. Temas pri pli ol 1200 novaj fakesprimoj. Por komparo mi memorigas vin, ke pasintjare ni ricevis nur 93 novajn fakesprimojn.

La Hungaraj Ŝtatfervojoj ricevis propagandan materialon de Rail-Lex germane. Samtempe kun la hungara traduko pretiĝis ankaŭ Esperanto. Dum la Rail-Lex konferenco en aprilo estis pretaj nur la menciitaj tri versioj.

Mi tre dankas la entuziasman kunlaboron de tiuj kolegoj, kiuj helpis nin atingi tiujn gravajn rezultojn.

Dum la pasinta laborjaro aperis tri numeroj de *TeKu*. Ekde la komenco redaktas ĝin s-ro Hartig. Rezulte de lia multjara diligenta laboro ni atingas jubileon: la sekvonta numero estos la centa. Mi volas danki al s-ro Hartig pro lia agado, kies rezulto estas tre utila kaj efika ilo en la servo de nia terminara laboro. Mi petas lin daŭrigi ĉi tiun laboron ankaŭ estonte.

La 16an de oktobro okazis kunveno en Bremen, kiun partoprenis s-roj Giessner, Hartig kaj Kruse. Ili konstatis, ke estas bezonata ŝanĝi la vortordon de niaj fakesprimoj por la presitaj formoj de la nacilingvaj vortaroj. Ni konsentis pri tio, ke la sekvonta CD-ROM enhavu la deziratan vortordon. Pro la mallonga limdato ni ne havis eblecon atendi la nunan kongreson kaj decidi pri la propono en kadro de la terminara kunsido. Do, ni denove tajpis la tutan kvanton de nia fakterminaro por la komputilo. Nun mi povas informi vin, ke la sekvonta eldono de CD-ROM enhavos la fakterminojn laŭ ŝlosilvortoj, kiuj plej ofte estas la substantivoj.

Pasintjare ni pensis, ke laboroj de la difinvortaro dum longa tempo ne estos aktualaj por ni. Ni eraris. En decembro ni ricevis la difinojn de la novtradukendaj fakesprimoj germane. La difinojn kompilis la Rail-Lex-komitato. Nia tasko estas ilia tradukado.

La eldonisto de PIV planas aperigi novan eldonon, kaj petis kunlaboron de nia terminara sekcio por fervojfaka tereno. Mi pensas tio estas honora peto, kiu spegulas la reputacion de nia terminara agado. Ni devas akcepti kaj plenumi ĉi tiun taskon. Por ni ne povas esti indiferenta, kiujn difinojn pri fervojfakaj nocioj enhavos la plej vaste uzata E-vortaro.

Nia daŭra tasko estas serĉi kaj kolekti novajn fakesprimojn. Kvankam pri tiu agado okupiĝas ĉefe la Rail-Lex-grupo de UIC, tamen

ni havas eblecon partopreni en ĉi tiu laboro.

Mi devas paroli ankaŭ pri niaj problemoj kaj zorgoj. Unue mi mencias la malpliiĝon kaj maljuniĝon de niaj kunlaborantoj.

Verŝajne, kelkaj el vi jam tediĝas de tio, se mi de jaro al jaro ripetas ĉi tiun problemon. Vi devas vidi, ke ni plenumas pli kaj pli multajn kaj gravajn taskojn per agado de pli kaj pli malmultaj kolegoj. Se la nuna tendenco daŭros ni atingos la limon de nia plenumkapacito.

Ĉiujn niajn taskojn eĉ nun ni ne povas plenumi, tial ni vicigas ilin laŭ graveco.

Laŭ graveco niaj taskoj estas:

- reviziado kaj laŭbezone korektado de tiuj pli ol 1200 fakesprimoj, kiujn ni tradukis dum la lastaj monatoj. Por la korektado ni havas unu monaton. Ĝis fino de junio ni devas transdoni la korektitan materialon per elektromagneta disketo al la Hungaraj Ŝtatfervojoj. Se ni ne plenumos ĉi tiun limdaton, la sekvonta CD-ROM enhavos la E-version en la nuna formo,
- instigi niajn landajn sekciojn aperigi nacilingvajn vortarojn,
- informiĝi de la PIV-redaktoro pri taskoj kaj limdatoj. Niajn proponojn por PIV laŭeble ni devas pretigi laŭ nia labormetodo. Mi opinias tre grava, ke ĉiuj landaj sekcioj ricevu eblecon partopreni en ĉi tiu laboro,
- kolekti novajn fakesprimojn, terminojn, kompili proponojn por UIC, kiel niaj fortoj ebligas tion,
- traduki la difinojn. Tio estas grava, sed ne urĝa tasko por ni.

Krom la menciitaj taskoj, paralele kun ili kaj daŭre ni devas klopodi trovi novajn kunlaborantojn.

Pri rezultoj, zorgoj kaj la plej gravaj taskoj de nia faka laboro mi intencis raporti al vi la menciitajn pensojn. Mi klopodis prezenti la realan situacion, paroli ne nur pri la favoraj eventoj, sed ankaŭ pri la problemoj.

József Halász

* * *

## Fake Aplika Sekcio

### Raporto pri 1995/1996

**1. Internaj aferoj**

Dum la pasinta jaro nia movado perdis gravajn personojn, kiuj meritas profundan pritakson de ilia laboro por la fervojista Esperanto-movado. La 29an de aŭgusto 1995 mortis inĝ. Jaromír Řebíček, kaj la 23an de januaro 1996 forlasis nin d-ro István Bácskai. Ambaŭ sinjoroj prezentas gravan periodon en la faka kaj terminara movado en nia federacio. Ni ĉiam rememoru ilian laboron.

**2. Fervojfakaj Kajeroj**

Ankaŭ ĉijare antaŭ la kongreso estas preparita *Fervojfakaj Kajeroj* (n-ro 5). En ĝi troviĝas denove interesaj artikoloj:

| | |
|---|---|
| J. Giessner: | La vojo de la fervoja Esperanto-terminaro ĝis 1995 |
| G. Sredić: | Malaperas la 'fluganta' rado |
| J. Niemann: | Aŭtomataj biletsistemoj – plia evoluo – elirpunkto en la sistemo SCANPOINT |
| E. Glättli: | Kvar Brunel-distingoj por la Svisaj Federaciaj Fervojoj |
| J. Giessner: | Ambiciaj energio-ŝparplanoj de Germana Fervojo DB |
| L. Sekereŝ: | Purigado, lavado kaj desinfektado de varvagonoj |
| J. Halász: | Kelkaj pensoj pri la interrilatoj de geometriaj kaj movadaj karakterizaĵoj. |

Sur ĉi tiu loko mi volas danki al s-ino Hauge, kiu tajpis ĉiujn artikolojn, kaj samtempe mi dankas al s-roj Werner kaj Olsen por ilia helpo.

**3. Ĉijara fakprogramo**

Dum la ĉijara kongreso estos prezentita ĉefa fakprelego pri la evoluo de la trafikregejo en Amsterdamo prezentita de s-ro Jan Bultman. (Vidu resumon de ĝi en venonta

numero de IF. Resumojn de la aliaj fakaj prelegoj prezentitaj dum la 48a IFK vidu p. 61 en ĉi tiu n-ro de IF. (Red))

4. **Diversaĵoj**
Dum la pasinta kongreso estis aprobita tasko prepari komparon de Esperanto-tradukoj en diverslandaj fervojhoraroj. Je dispono estis klarigoj de MÁV, DSB, ČD, ŽSR kaj JŽ. El ili estis preparita komparo por prezenti ĝin dum la 48a IFK.

Sekretario de Fake Aplika Sekcio L. Kovář

---

**Protokolo pri la kunvenoj en Hago majo 1996** (Fake Aplika Sekcio)

Partoprenis 37 personoj.

Tagordo de la kunveno estas publikigita en IF 1996.2, p. 22.

1. **Raporto de la sekretario**
La sekretario de fake aplika sekcio, inĝ. Ladislav Kovář, ne povis ĉeesti la kongreson (i.a. pro labortaskoj). Lin anstataŭis inĝ. Zdeněk Polák, kiu voĉlegis la raporton de s-ro Kovář.

2. **Faka programo de la 48a IFK**
La fakaj kunsidoj ĉijare plejparte estis dediĉitaj al terminaraj diskutoj kaj problemoj, sed okazis ankaŭ interesaj prelegoj, disdono de faka materialo kaj informoj, apero de *Fervojfakaj Kajeroj* n-ro 5, kaj – dank' al k-go Niemann – eksterprograma faka ekskurso.
La ĉefa fakprelego fare de kolego Jan Bultmann *La historio de la trajntrafikregejo en Amsterdamo* vekis fakan intereson.
Por prezentado de fakaj prelegoj estis antaŭanoncitaj jenaj prelegoj:
E. Glättli (CH): Aŭdaca anstataŭigo de du unutrakaj fervojpontoj el fero per dutraka arka betonponto.
J. Niemann (DK): Fervoja tunelo sub Granda Belto – muntado de ekipaĵo.
L. Kovář kaj S. David (CZ): Esperanto-klarigoj en fervojaj horaroj – komparo.
J. Giessner (DE): Novaĵoj pri la eŭropaj grandrapidaj linioj.
G. Sredić (YU): Amasa konstruado de fervojaj tuneloj ('Tunelomanio').
I. Nedelcu (RO): La rumana fervoja nacia societo pretigas siajn grandrapidajn fervojliniojn (la prelego ne okazis, ĉar sen averto neniu preleganto venis).

Neanoncite venis du beogradaninoj (anstataŭ al inĝ. Kovář ili sendis la prelegon *Novaĵoj en Jugoslaviaj Fervojoj* al LKK). Ili insiste postulis prezenti ĝin kun lumbildoj. Pro neĉeesto de la rumana preleganto kaj pro jam instalita lumbildaparato ili sukcesis prezenti la prelegon.

Montriĝis granda intereso de la publiko ricevi kopion de la prelegoj kaj alian informmaterialon, sed nur kelkaj kontribuantoj preparis tion.
Inĝ. Polák proponas por la estonto, ke
- la prelegontoj senkondiĉe anoncu sin al inĝ. Kovář laŭ la reguloj (neantaŭanoncitaj povas nur laŭ interkonsento kun FK, se estas tempo kaj lokaj kondiĉoj, esti prezentataj),
- dum faka kunsido antaŭ la prezentado de la prelegoj la prelegantoj prezentu sin, kaj komune oni decidu pri la sinsekvo de la prelegoj kaj pri uzo de aparatoj aŭ mapoj,
- ĉiu preleganto kunportu minimume 10 ekzemplerojn de la prelego.

Tiamaniere ni evitos malagrablajn surprizojn, kiam preleganto ne venas, alvenas iuj, kiuj ne anoncis sin kaj ke interesitoj ne ricevos deziratan materialon. Sufiĉan stokon de fakmaterialo antaŭvidis nur Bultman, Glättli kaj Niemann.
Preparita prelego de d-ro Halász (HU) *Kelkaj pensoj pri la interrilatoj de geometriaj kaj movadaj karakterizaĵoj* estis publikigita en Fervojfakaj Kajeroj n-ro 5.
La faka programo en Hago estis pliriĉigita per eksterprograma faka ekskurso iniciata

de k-go Niemann al la stacidomo Haag HS, kie ni povis detale spekti modernan rapidtrajnon, la t.n. Thalys (laŭ la tipo de TGV Atlantique).

**3. Faka programo por la venonta 49a IFK**
Temo de la ĉefprelego estos anoncita nur fine de aŭgusto.
Estas anoncitaj prelegoj de k-goj Giessner, Glättli, Stuppnig, Tomíšek, Tudorache kaj de DEFA, kiuj skribe anoncos la temon antaŭ la fino de decembro 1996.

**4. Faka kunsido dum la 81a UK**
S-ro inĝ Gulyás informis, ke la fervojista kunveno dum la UK en Prago okazos la 23an de julio je h. 9-11.30. Sub konsidero estas faka ekskurso. Vidu informojn pri ĝi en giĉeto kaj en la kongreslibro.

**5. Eventualaĵoj**
S-ro Giessner ripetas la postulon por fakaj prelegoj: aktualaĵo – bona lingvo – bona faka nivelo.

Kompilis 27.05.1996 inĝ. POLÁK Zdeněk

* * *

## Terminara Sekcio

**Raporto pri 1995/96**

Nia ĉefa pasintjara laboro koncernis novajn terminojn por la datumbanko kaj terminaro RailLexic. La kunlaboro kun UIC (Internacia Fervojunio) havas kaj tre progresan flankon kaj kelkajn malfacilaĵojn. Mi komencu raporti pri bonaj aferoj:

- Unuafoje ni ricevis la novajn 944 terminojn en tri lingvoj – angla, franca kaj germana. En antaŭaj jaroj ni ricevis nur la germanan version.
- Ankaŭ unuafoje UIC donis al ni difinojn kun klarigoj en enciklopedia amplekso por preskaŭ ĉiuj terminoj. Fakte per tio komenciĝis nova periodo en nia terminologia laboro. Kreo de ĝusta termino eblas ja nur, se oni ekzakte scias la enhavon de la nocio.

Aliaflanke ne laŭdindaj estas jenaj aferoj:

- Komence de 1995 UIC donis al ni por tradukado 96 terminojn. Poste oni flankenmetis tiun kvanton kaj anstataŭigis la taskon per novaj 944 terminoj. Mi esperas, ke nia jam farita traduklaboro por la 96 terminoj ne estas sensenca. Eventuale en 3a eldono de RailLexic la terminoj ree aperos.
- La grandega kvanto de novaj terminoj rezultas grandparte el terminoj ne fervojfakaj, sed principe ĝeneralteknikaj, kvankam ja ekzistas ĝeneralteknikaj terminaroj.
- La livero de la difinoj malfruiĝis. Niaj gekolegoj tradukis preskaŭ ĉiujn terminojn sen scio de la difinoj. Post la ricevo de la difinoj ni devis kontroli, ĉu la proponitaj terminoj konvenas al la difinoj. La rezulto ŝokis nin: la miskomprenkvoto estis 25%. La ĉefa kaŭzo estas multaj terminoj el magnetrelvoja tekniko. La anglaj, francaj kaj germanaj terminoj ne montris tiun fakton. Nur post lego de difinoj tio klariĝis.
- La lasta malfacilaĵo estas neatendita postulo de UIC liveri la tutan tradukokvanton jam ĝis la 20a de aprilo ĉijare. Korektoj eblas nur ĝis julio. Ĉar ni nepre volas obei al la limdatoj, ni eltenu la fakton, ke en 2a eldono de RailLexic aperos multaj nereviziitaj terminoj. Nia labormetodo bezonas pli da tempo por krei bonkvalitajn terminojn. Sekve la finreviziitaj terminoj aperos nur en 3a eldono de RailLexic.

Kvankam la traduklaboro por UIC tre streĉas nin, ni ĝojas pri la nova tasko revizii la fervojfakajn nociojn en PIV. Ni ja estas la sola kompetenta komisiono por fervojfakaj terminoj en Esperanto.

Heinz Hoffmann
sekretario de Terminara Sekcio

# Resumoj de fakaj prelegoj

**Ernst GLÄTTLI (CH):**
**Aŭdaca anstataŭigo de du unutrakaj fervojpontoj el fero per dutraka arka betonponto**
Tiun ĉi majstroverkon finis antaŭ nelonge kompetentaj inĝenieroj kaj spertaj laboristoj en Brugg (CH).

Komence de la 1990aj jaroj altrudiĝis plifortigo de la fervojpontoj en Brugg, ĉar la nombro de la trajnoj kreskis ĝis po 240 tage, kaj la pezo de la trajnoj konsiderinde plialtiĝis. La fervoja direkcio decidis anstataŭigi la du ekzistantajn ferajn pontojn per dutraka, arka, konkostruktura betonponto.

La laboroj komenciĝis meze de 1993. Oni konstruis apud la malnovaj pontopilieroj 6 helppilierojn.

Pro la fakto, ke ĝis nun ĉiu trako havis propran ponton, nur la pilieroj estis arkitekturaj unuoj, la dua fazo de la konstruprogramo estis relative facile realigebla. La laboristoj malmuntis la trakon kaj ferkonstruaĵon najbare al la nova ponto. Per konstruo de transversaj portiloj el ferbetono, oni interligis la help-pilierojn kun la malnovaj pilieroj. Poste oni devis forŝovi la konstruaĵon sep metrojn, kaj tio daŭris entute naŭ horojn.

**Joachim GIESSNER (DE):**
**Novaĵoj pri la eŭropaj grandrapidaj linioj.**
Kiel konate la eŭropaj fervojoj jam de jaroj klopodas modernigi siajn retojn por ĉie en Eŭropo atingi pli grandajn rapidojn.

La erao de la grandaj rapidoj komenciĝis antaŭ kvarona jarcento per la fama Shinkansen en Japanio. Ĉirkaŭ 1980 la pasaĝeroj inter Parizo kaj Lyon uzis trajnojn kaj aviadilojn laŭ sama kvanto. Dek jarojn poste la rilato estis 10:1 favore al la fervojo danke al la enkonduko de TGV inter la du urboj. Tiuj spertoj kaŭzis, ke Belgio, Francio, Germanio kaj Nederlando komencis esplori la eblecojn por grandrapidaj interŝtataj linioj. En Germanio aperis la ICE, kaj trans la akvo aperis la 'Eŭro-City' Hamburgo - Kopenhago. En multaj landoj oni agis por antaŭenpuŝi la konstrulaborojn, ekzemple la tunelo sub la Maniko kaj la tunelo/ponto trans Granda Belto en Danio, modernigo de la koridoro de Berlin tra Prago al Vieno. Estas planoj integri la liniojn ĝis Vieno kaj de Prago tra Bratislava al Budapeŝto en la tuteŭropan reton por grandaj rapidoj.

Paralele la baltaj fervojoj planas aliĝon al la eŭropa reto per projekto "BALTRAIL 2000", kaj ankaŭ Hispanio eniris la evoluon parte jam per normala ŝpuro.

Aperas novaj trajntipoj, kiuj per nova teknologio atingos rapidojn ĝis 300 km/h.

Post fino de konstrulaboroj oni sur la apudaj areoj plantos ekologie valorajn vegetaĵojn, kiuj ankaŭ servos al birdoj kaj aliaj bestoj.

La konstruado de la nova linio estas unu el multaj pruvoj, ke la fervojoj estas sur la ĝusta vojo por plenumi la trafikajn kaj ekologiajn postulojn de la finiĝanta kaj de la venonta jarcentoj.

**Jan U. NIEMANN (DK):**
**Fervoja tunelo sub Granda Belto – muntado de ekipaĵo.**
Dum pli ol 100 jaroj oni parolis pri ponto aŭ tunelo, ĝis fine en 1987 la dana parlamento decidis pri konstruo de pontoj kaj tuneloj.

Meze en la Belto situas la insuleto Sprogø. Okcidente inter Sprogø kaj Fueno estas malalta ponto por fervoja kaj ŝosea trafiko. Oriente inter Sprogø kaj Selando estas du paralelaj tuneloj por la fervoja trafiko kaj estos alta ponto por la ŝosea trafiko.

Ne estas loko en la tuneloj por ordinara kontaktolineo-instalaĵo. Tial estos konstruita tute nova sistemo, kiu postulas malpli da loko.

En la tuneloj estos seka vetero ĉiam. Tial estas tre grave, ke la ŝotro inter la betonaj ŝpaloj estas tute pura. Ĝi ne entenu polvon, ĉar la polvo kirle ekflugas kaj kuŝos sur ĉiu instalaĵo kaj altigos la riskon de detruo de la cirkvito.

La konekso inter trakforkoj kaj signaliloj kaj la instalaĵoj estos konstruitaj kiel ringa konekso.

ATC funkcias kiel krominstalaĵo 'super' la sekurigaj instalaĵoj.

La maksimuma rapido sur la linio estas 180 km/h. Oni atendas, ke 140 pasaĝer- kaj 100 vartrajnoj veturos tra la tunelo ĉiutage.

La ventolado okazos tiel, ke la trajno puŝas la

aeron antaŭ si kiel kusenon, kaj samtempe la trajno suĉas freŝan aeron en la tunelon per la subpremo malantaŭ la trajno.

Ĉiuj teknikaj instalaĵoj estos regulitaj de pluraj komputiloj. La instalaĵoj daŭre registros ekziston de diversaj gasoj, temperaturon, aer-kondiĉojn, fajron kaj akvonivelon en pumpbasenoj.

La instalaĵoj superrigardos konstante tunelkaj pontkonstruaĵojn, komunikadinstalaĵojn, instalaĵojn por elektra provizo, lumigadon, ventolilojn, pumpojn kaj danĝerpordojn.

La sekureco estas ekstreme grava afero por la tuta projekto. Kvankam kelkaj homoj suferas pro klostrofobio kaj ne toleras fermitan ejon, supozeble la pasaĝeroj apenaŭ rimarkas, kiam la trajno subiras la Belton. La tempodaŭro en la tunelo estos nur 3-4 minutoj.

**S. DAVID kaj inĝ L. KOVÁŘ (CZ):**
**Esperanto-klarigoj en fervojaj horaroj - komparo.**

Laŭ decido de Faka Komisiono dum la IFK en Pécs ni preparis ĉi tiun komparon. La celo de la 'studaĵo' ne estis serĉi tradukerarojn aŭ preserarojn sed ĝenerala pritakso de ĉi tiu speciala aktiveco inter niaj fakuloj.

Dum la interkongresa periodo ni kolektis kvin klarigtradukojn de horaroj de Danio, Jugoslavio, Hungario, Slovakio kaj Ĉeĥio.

La termino *horaro* troviĝas en ČD,ŽSR kaj MÁV. En JŽ estas *horarlibro*. PIV *horaro de fervojoj*,

FT: *horarlibro (fervoja), veturhoraro laŭtipa.*

La vorto bileto ekzistas ankaŭ en kelkaj variaĵoj, same kiel pagoj.

En la kontribuaĵo ni volis montri certajn diferencojn inter diversnaciaj tradukoj. La prezentitaj ekzemploj servu kiel instigo por plua diskuto.

Fine estas konsilo al tradukistoj uzi la terminojn, kiuj troviĝas en PIV kaj FT.

**M-gro Gvozden SREDIĆ (YU):**
**Amasa konstruado de fervojaj tuneloj ('Tunelomanio')**

Kuraĝigitaj per sukceso de konstruintoj de la tunelo sub la Maniko, multaj eŭropaj fervojoj faras planojn pri konstruado de novaj tuneloj. Laŭ amaseco de tiuj planoj longo de tiuj tuneloj kaj kostoj de ilia konstruado oni preskaŭ povus paroli pri iuspeca 'tunelomanio' sur la Malnova Kontinento. Laŭ tiuj planoj, ekzemple, la montara masivo de Alpoj baldaŭ povus simili al la konata svisa fromaĝo *Ementaler*, pro multnombraj truoj: krom ekzistanta deko de tiel nomataj montoflankaj tuneloj nun oni antaŭvidas konstruadon de pluraj pli longaj montobazaj tuneloj en Svislando, Aŭstrio, Italio, Francio ktp.

Kompreneble tio ne estis ĉio. Projektoj pri konstruado de tuneloj abundas ankaŭ aliloke. La plej interesaj estas ekzemple tiuj sub Ĝibraltara markolo, sub Pireneoj, aŭ sub Bospora markolo kaj parte ankaŭ en Danio (kie tuneloj estas parte kombinitaj kun pontoj). Pri la tuneloj sub 10 km, kiaj estas du ankaŭ en Jugoslavio en ĉi tiu kunteksto eĉ ne indas paroli.

Per tiuj verŝajne la plej interesaj projektoj la listo de antaŭviditaj longaj fervojaj tuneloj tutcerte ne estas elĉerpita. Al tiu listo oni povus aldoni la jam menciitan tunelon sub Alpoj (longan 54 km), kiu per grandrapida linio kunligos francan Lyon (Liono) kaj italan Torino. Notinda estas kompreneble ankaŭ planita montobaza tunelo Semmering en Aŭstrio (longa 22,2 km), sed inter la verkado de ĉi tiu teksto kaj ĝia prezentado ĉi tie povus aldoniĝi ankoraŭ iu interesa tunelo, kiel ekzemple tiu sub Bosporo, kiu simile tiu sub ĝibraltara markolo aŭ tiu sub Beringa markolo kunligus du kontinentojn, ĉifoje Eŭropon kaj Azion. Kiu vivos, tiu vidos. La konkurso estas konstante malfermita.

**Slobodanka STOJKOVIĆ (YU):**
**Novaĵoj en Jugoslaviaj fervojoj.**

Dum la lasta kongreso ni parolis pri la fervojlinio Valjevo - Loznica. En la pasinta periodo estis daŭrigata la realigo de ĉi tiu projekto. Konstruado de tunelo Trifkovic 1719 metroj estas duone finita.

Grupo de esperantistoj vizitis la konstruaĵojn kaj observis la laborojn enirante en la finitan parton de la tunelo. Ili konatiĝis kun la kondiĉoj de la laboro kaj la aplikita teknologio. La konstruado de rapidaj fervojlinioj ĝis la jaro 2025 subkomprenas 15000 km da rapidaj linioj. Jugoslavio partoprenas la planon de dutrakaj relvojoj inter Parizo kaj Istanbulo.

# Reago

## Mortigo de kongrespropono

Nun jam pasis la 48a IFK. Kun granda espero mi iris tien – mi ja volis ion antaŭenpuŝi. Sed vi ja scias la rezulton: 19:1 neis en la nepublika komitatkunsido la proponon havigi al IFEF novan statuton.

Tio ja povas okazi, sed ĉifoje ili decidis pri io, kion ili enhave ne konis. Ili ne legis la 'novan statuton', kiun mi komplete aldonis al mia kongrespropono. Eĉ la estraranoj (krom la prezidanto) ne konis la enhavon, sed la estraro proponis al la komitatanoj voĉdoni 'kontraŭ'. Ili ankaŭ ne donis al mi la eblecon iom propagandi mian kongresproponon antaŭ la 'provizora' voĉdono.

Ĉu tiu formala ago helpos al IFEF havi esperdonan estonton? Mi ne aŭdis ion pri la perspektivo de IFEF, pri la apliko de Esperanto ĉe la fervojoj, pri aliaj antaŭenpuŝaj proponoj. Kial do ili rifuzis eĉ legi, kio estu nova en nia statuto? Mi ne volas plendi pri forĵetita tempo kaj klopodoj, mi plendas nur pri la pritrakto de la kongrespropono.

Nun jam kelkaj interesiĝas pri la enhavo. Ĉu la prezidanto aŭ la ĉefkomitatano, kiuj ricevis antaŭ la kongreso la kompletan materialon, emos **nun** disdoni la proponitan novan statuton al ĉiuj komitatanoj kaj estraranoj?

Mi ne volis ĝeni la IFEF-agadon, mi volis helpi savi ĝin! Vi ne kredas? Do, bv. legi la STATUTO-proponon.

Horst THEURICH

PS: Kio okazus, se Eŭropo akceptus Esperanton kiel ligan lingvon? Ĉu IFEF tiam estus sufiĉe forta sen novaj emuloj (junaj!) agi sur tiu ĉi kampo? La STATUTO ne solvos tion, sed ties enhavo.

**Respondo:**

Vi skribas, ke '*eĉ la estraranoj (krom la prezidanto) ne konis la enhavon*' kaj '*ili ankaŭ ne donis al mi la eblecon iom propagandi mian kongresproponon antaŭ la 'provizora' voĉdono*'. Tiuj eldiroj ne estas ĝustaj. Ĉiu estrarano uzis multan tempon pri via propono, kaj ĉiuj partoprenantoj, do ankaŭ vi, havis eblecon esprimi sin kaj dum la nepublika kunsido kaj dum la plenkunsido. Mi deziras jene informi vin pri la faktoj:

Tuj post la ricevo de via propono kun argumentado mi sendis ĝin inkluzive la novlaboritan proponon de la statuto al la IFEF-kasisto, por ke li kopiu ĝin kaj poste distribuu ĝin al ĉiuj estraranoj antaŭ la estrarkunveno en Rosenthal 08.03-09.03.1996. Tiamaniere ĉiu estrarano havis eblecon profunde sciiĝi pri via propono antaŭ la estrarkunveno. La IFEF-kasisto eĉ faris skribajn komentojn al diversaj punktoj de via propono. Dum la estrara kunveno ni decidis, ke ni aldonu tiujn komentojn al kopio de via propono kaj argumentado, kiujn ĉiu komitatano povis peti ĉe la kasisto. Bedaŭrinde neniu uzis tiun okazon. Se iuj nun deziras la materialon ili povas ankaŭ nun peti ĝin ĉe la kasisto.

Por la IFEF-estraro Per ENGEN

## Unuaj pendolinoj trans la Alpojn

Ekde la dua de junio 1996 (horarŝanĝo) la plano realiĝis: Tri motortrajnoj kun klineblaj vagonkestoj (pendolinoj) veturas inter Geneve [Ĵenev] en Svisio kaj Milano en Italio kun rapido ĝis 200 km/h. La nova vojaĝtempo inter la du urboj estas tri horojn kaj 35 minutojn, 40 minutojn malpli ol ĝis nun. La klinnebleco de la vagonoj permesas pli grandan rapidon en kurboj, sen la devo ŝanĝkonstrui la liniojn.

Ĝis somero 1997 la entrepreno *Cisalpino AG* planas funkciigi naŭ tiajn Fiat-motortrajnojn. La antaŭviditaj kostoj estos 275 milionoj da DEM. Unu tia unuo konsistas el naŭ partoj kaj havas 496 sidlokojn. Planitaj ekde 1997/98 estos ĉiutage 14 ĝis 20 komunikoj inter Svisio kaj Italio. Tiam ankaŭ Zürich [Ciriĥ], Bern kaj Basel estos servataj per tiaj trajnoj.

Laŭ *BahnZeit* 5/96 Giessner

**INTERNACIA FERVOJISTO**
1996.4
48a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio:**
Erna Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.
Tel + fakso +45 98 80 15 99.

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretario:**
D-ro Romano Bolognesi,
Via Misa 4,
I-40139 Bologna.

**Kasisto:**
Henning Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.
Tel + fakso 45 98 80 15 99.

**Dana poŝtĉekkonto:**
1 25 80 36, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj).

**Dana bankkonto:**
3717 034856, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

**Svisa bankkonto:**
471-02, Thurgauische Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝtĉekkonto:**
CH 85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

**Redaktofino** por la venonta IF, kiu aperos fine de aŭgusto: 15.08.1996.

Presejo:
Gefion Tryk Næstved A/S



# Niaj jarkunvenoj

**REFA** (Rumanio)
La rumana jarkunveno okazos 06.-08.09.1996 en **Tírgul Mureŝ**.

Informojn donas REFA, Str. Politechnicii Nr.1, RO-2200 Braŝov.

★ ★ ★

**AFEF** (Aŭstrio)
Jam tradicie, la duan dimanĉon en septembro, okazos ankaŭ ĉi-jare la *Internacia Amikeca Manifestacio* sur la *Montopinto Trilanda* (06.-08.09.1996). Profitante la eventon AFEF organizos sian laŭstatutan ĉefkunvenon en Arnoldstein **sabate 07.09.1996** je horo 10.00 en la stacidomo. Posttagmeze okazos aŭtobusa ekskurso al la novkonstruita grandmanovra stacio Villach-Süd. Okazos prezentado de la instalaĵoj kaj funkciado de la trafiko. Gvidos nin lokaj fakuloj.
Kontaktadreso:
Martin STUPPNIG, Esperantostr.175, A-9601 Arnoldstein.

★ ★ ★

**LFS de PEA** (Pollando)
La 13a Landa Kongreso de Polaj Esperantistoj okazos de la 27a ĝis la 29a de septembro 1996 en la belega urbeto Supraśl, kiu troviĝas 18 km de Bialistoko. Kutima alloga programo.
Aliĝilojn bv. peti ĉe
Nina PIETUCHOWSKA, ul. Piastowska 13/7, PL-15-207 Białystok.

★ ★ ★

**GEFA** (Germanio)
40a jarkunveno de GEFA okazos 4.-6.10. 1996 en la bela turisma loko Alexisbad/Ostharz.
Multkolora programo: Beleco de la montara Harz, historiaj vidindaĵoj, ekskursoj al Harzgerode kaj Quedlinburg, folklora vespero kaj dancvespero. Informoj kaj aliĝoj:
Sinjorino Thea MOHR, Bahnstraße 35, DE-06484 Ditfurt.

## 81a UK en filatelo







La ĉeĥa poŝto jam propagandas la 81an UK ĉe poŝtoficejo STRÁŽNICE, distr. Hodonín per porokaza afrankmaŝinstampo kun la teksto en la ĉeĥa: *81a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO Prago 20.-27.7. 1996*, vidu apude. LKK preparas kunlabore kun CZ-poŝto plian esperantlingvan porokazan stampilon, kiun oni uzos en la kongresejo dum la tuta kongresa semajno.
Pliajn informojn pri kongresaj Esperanto-filatelaĵoj vi povas ricevi rekte ĉe: Esperanto, poŝtkesto 36, CZ-69662 Strážnice.

Vládislav HASALA